# Kajeroj el la Sudo



BULTENO DE HISPANA ASOCIO DE LABORISTOJ ESPERANTISTAJ (HALE)





Nº 5.- Jan.Febr.Marto 1990.

KAJEROJ EL LA SUDO.-bulteno de Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj. (HALE).

Sidejo: Str. Sol, 75.-E-41003 SEVILLA.-Hispanio.

Prezidanto: Manuel López Hernández

Sekretario: Fco. A. Antúnez Romero

Kasisto: Tomas Caspe Cereijo

---

Redaktoroj de la bulteno:

Antonio Marco Botella
Av.Compromiso de Caspe, 26.-1º
50002-ZARAGOZA (Hispanio)

Miguel Fernández Martin
Santa Genoveva, 58
28017-MADRID. (Hispanio)

---

Kovrilo: Don Kiñoto liberigas multe da kompatinduloj.

---

Enhavo:



---

NOTO:Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aútoroj,mem.

---

# La eksplodo de la naciismoj

*Ne unuafoje, ke ni perdis nian spiritan trankvilon komentante la temon pri la naciismoj, ĉu en "Sennaciulo", ĉu en prelegoj aŭ, tute simple, en privataj konversacioj. Niaj artikoloj, laŭlonge de jaroj, tre ofte insistis pri la danĝero de la naciismoj kiel elemento regresema en la irado de la homaro, faktoro de violento kaj malpaco, kaj kiel serioza barilo en la interkompreno de popoloj kaj diverslandaj laboristoj. Sed, laste, la arbo ne lasis vidi la arbaron: la politikaj perspektivoj de la Eŭropa Komunumo, anoncanta proksima la malaperon de siaj landlimoj, cetere, la influo (ankoraŭ viva en niaj medioj) sur sennaciismaj idealoj, kaj la romantikemaj eĥoj devenantaj de la pasinta jarcento pri sociaj kaj liberecanaj ideoj, tre firmaj en la koro de multaj el ni, fermigis la okulojn de niaj kamaradoj.*



*Seriozan averton jam signifis la fakto, ke je la fino de la diktaturo de Franco, en Hispanio ŝprucis kun violento certaj iberiaj naciismoj, sed multaj observantoj erare konsideris tion nur loka afero tute ne transcenda.*
*Subite, en la Orient-Eŭropaj landoj, en similaj kondiĉoj al la antaŭe citita kazo, sed grandskale, brue eksplodis la kolero de multaj popoloj post longa neeltenebla subpremado, sopirantaj pri libero kaj svingantaj la flagon de la naciismo, eble kiel ŝajna lasta reprezento de la mem-regado.*

*Nun ne plu estas nur ni, modestaj laboristoj, la denuncantoj. Ŝtata homo, kiel prezidento Mitterrand kaj aliaj gravuloj, anoncas, ke la naciismoj estos unu el la plagoj plej gravaj kaj danĝeraj dum la venontaj jaroj kaj komencoj de la jam proksima jarcento.*

*La fulmaj ŝanĝoj en la Orient-Eŭropaj landoj okazas tiel rapidaj, ke ili apenaŭ lasas al ni la tempon*

*suficâan por mediti pri la veraj kaŭzoj de tiuj eventoj. Tamen, evidentiĝis certaj simptomoj pri malkontento, kiuj montris, ke la pacienco de la popoloj ne povas daŭri senlime, ĉar la politika sistemo reganta en tiuj landoj ne toleris la liberpensadon, ne respektis la homajn rajtojn kaj liberojn minimumajn de la individuoj, kio ebligis aŭguri, ke la artifikaj politikaj strukturoj perforte regantaj nur atendis oportunan okazon por dis-salti en mil pecojn, kiel efektive okazis.*

*Sed...kio reale fiaskis en Sovetio kaj ceteraj Orient-Eŭropaj landoj?, ĉu la marksismaj ideoj, kiel stulte proklamis certaj reakciuloj?, ĉu la homoj kiuj gvidis tiun socipolitikan sperton? Ne, ne fiaskis la Marks-teorioj. Marks, kiel Hegel, Kant, Aristotelo aŭ Platono estis filozofoj kiuj elpensis belajn kaj brilajn ideojn ne facile realigeblajn en la pragmata mondo de la homoj. Afero homa estas interpreti kaj apliki ilin en la socia kunvivado. En tiu ĉi kazo, eble, eraris Lenin, kiu misinterpretis tiujn teoriojn en la konstruo de socio pli justa kaj egalrajta: li, fakte, atingis per klasbatalo kiel decida elemento de la historia dina-mismo, doni socian sencon al la popolamasoj, sed ignoris, ke scienco kaj tekniko povus superi tiun faktoron, pro-vokante ŝanĝojn sociajn, politikajn, ekonomiajn kaj historiajn, kiel efektive okazis dum la nelonga periodo de apenaŭ unu jarcento. Lenin intencis eviti la ekspluata-tadon de la homo fare de l'homo, kaj faris el la Ŝtato la ekspluatiston senvizaĝan kaj kruelan, el kiu la tek-nokratoj iĝis novaj feŭdaj sinjoroj.*

*Pli okulfrapaj kaj doloraj ankoraŭ la eraroj de Stalin, kies fera kaj malhumana disciplino faris el sia politika reĝimo abomenan diktaturon, el la scien-ca socialismo, bazita sur filozofia materialismo, fermi-tan doktrinon kun nediskuteblaj dogmoj, kaj el la dia-lektiko (racia faktoro en la futuro kaj evoluo de la propraj ideoj) blindan mizeran idearon neŝanĝeblan, kun fatalaj rezultoj. Tiuj politikaj reĝimoj kunportis en la konsisto mem de sia neebla evoluo la dinamiton eksplodeman de la propra detruo: neniam la tiranio eter-niĝis!!*

*Nun la urĝo de nia hodiaŭo konsistas en la distingo pri la realaj valoroj de la aktualaj socipolitikaj liberaj sistemoj, kiujn ni, laboristoj, devas elekti por nia mem-regado, ĉar oni ne povas anstataŭigi malbonon per malbono. La naciismoj estas sistemoj jam kadukaj, rigardantaj nur la pasinton, kaj la popoloj devas rekte serĉi, batali kaj revi pri homaro kun futuro. Ne vane la naciismoj, bazitaj sur mistikaj doktrinoj kaj pasintaj tradicioj, nur ekzaltas la proprajn ambiciojn, ne gravas se pravaj aŭ ne, kaj neniam la homajn valorojn. Kion ni certe neniam devos toleri jenas: manko de niaj individuaj liberoj, forpreno de la homaj rajtoj, minacoj kontraŭ la paco kaj sekureco de la personoj. La volo de la popolo estu ĉiam la bazo de niaj elektotaj registaroj, kun la nepra kondiĉo de nia suverena libero, ne nur por elekti, sed ankaŭ por korekti niajn proprajn decidojn, se ni eventuale eraris.*

*Nia futuro ne troviĝas en la nigra regresema tunelo de la naciismoj, sed en la brila suno de libera homaro, sen baroj, tiranioj kaj maljustoj.*

*Por tiu celo ni konstante strebos!*

*La Redakcio.*

---

# Aperas nova libro de Giordano

Gekamaradoj: "Barcelona Esperanto-Centro" eldonis la verkon "Esperanto en prospektivo" originale verkitan de nia SAT-kamarado Giordano Moya Escayola, aŭtoro ankaŭ de "La homa vivaventuro". En tiu nova verko nia kompano Giordano analizas la penson de D-ro L.L.Zamenhof kaj ties idearon en rilato al la esperantista movado, kaj konceptas ĝin kiel la portanton de ideo-forto kapabla ŝanĝi nian aktualan civilizacion.

La libro, 145 paĝ., prezas 950 pesetojn. Por Libro-Servoj nur 700 Ptojn ĉiu ekz. (minimume kvin).

Mendoj ĉe Barcelona Esperanto-Centro aŭ rekte al nia k-do: Giordano Moya Escayola; Balmes, 38.- E-08225 TERRASSA (Barcelona) (Hispanio).

Jen interesa studo pri la interna ideo de Esperanto kaj pri la Homaranismo.

# Kiel registri neologismojn

Edwin de Kock, en sia artikolo "Helpopeto pri Neologismoj"(1) priskribas kompiladon de provizore titolita "Literatura Vortaro" (LV), kiun li entreprenis, kaj li petas helpon en la formo de kontribuado de neologismoj jam uzataj. En mia artikolo "Neglositaj neologismoj" (2) mi riproĉis la senrespondecon de aŭtoroj, kiuj uzas neologismojn en siaj verkoj sed ne degnas glosi ilin. Fine de tiu verko, mi donis ekzemplon de la maniero adekvate glosi neologismon. Mi uzos tiun modelon por dokumentado de la sekvaj kvin vortoj, kiuj estis uzataj en mia publikigita kolekto de noveloj "Hieraŭ-Hodiaŭ-Morgaŭ" (3).



La dokumentado konsistas el la sekvaj eroj:.-citaĵo kun paĝ-numero; 2.- etimologio; 3.-difino; 4.-eventuale, listigo de sinonimoj kaj resendo al parenca(j) vorto(j);5.- rimarkoj pri eraroj en la formo kaj difino de jam registritaj vortoj, kaj aldonaĵoj al publikigitaj difinoj. Mi rigardas kiel neologismon vorton mankantan aŭ ne adekvate registritan en la sekvaj leksikografiaj verkoj:

a) PIV-Plena Ilustrita Vortaro-1970
b) PIVS-Suplemento de PIV(1987)
c) NG -Neologisma Glosaro(1983) kompilita de Henri Vatré.

La sekvaj mallongigoj estas uzataj por indiki lingvojn: a=angla, f= franca, g=germana, hl= helena, l= latina.

<u>artefakto</u>

"Mi scivolas,ĉu estas homaj restaĵoj en tiu parto de la groto, ekz. ostoj, artefaktoj, kaj pentraĵoj sur la muroj" (pĝ. 7-8).

<u>Etimologio:</u> a. <u>artifact</u> (USA), <u>artefact</u> (GB); f. <u>artefact</u>, g. <u>artefakt.</u>

Difino: 1.(arkeologio)objekto kiel ilo, ujo, ornamaĵo,aŭ artaĵo montranta prilaboron aŭ uzon fare de la homo;produktaĵo de la krea aŭ inventa kapablo de la homo. 2. (biologio) nenatura strukturo en kemie kaj fizike preparitaj animal- kaj vegetal-histoj, rezultanta de la preparado.
Rimarkoj: La vorto estis uzata pli frue en"La Bela Subtera Mondo-Libro pri Grotoj" (1959,pĝ.18,25) de Leander Tell, sed la aŭtoro ne glosis ĝin. PIVS registras nur parton de difino 1.

2. gastroenterologo, gastroenterologio.
"Posttagmeze la skribtablo de la eminenta gastroenterologo estis kovrita per amaso da Rentgen-bildoj kaj skribaj notoj" (pĝ.94)
"Bonvolu telefoni al D-ro Nakagawa de la Fako pri Gastroenterologio ĉe la Medicina Fakultato" (paĝ. 94)
Etimologio: Internaciaj sciencaj vortoj formitaj per hl. gaster (stomako) kaj hl. enteron (intesto).

Difino: gastroenterologo, specialisto pri la gastroenterologio.- Gastroenterologio, la studo de la malsanoj kaj patologio de la stomako kaj la intesto.
Rimarko: Neniu el la du fakterminoj estas registrita en "Esperanta Medicina Vortaro" (1985)

3.-hegumeno
"Kiam la glorigita imperia signo alvenos, estu sciate, ke Pavlos, la hegumeno de la monaĥejo de Katakali venis al mia Plejalta Pordego"(pĝ. 29)
Etimologio: hl. hegumenos
Difino: Abato de grekortodoksa monaĥejo.

4.-kartonaĵo
"La sekvan tagon Noferked okupiĝis pri la preparado de la kartonaĵo kaj portretmasko, kiu kovros la mumion"(pĝ.18)
Etimologio: f. cartonnage, uzata kiel fakterminoj en la egiptologio.
Difino: speco de ĉerko por egipta mumio, havanta plimalpli homan formon, farita el kungluita papiruso,t.e. kartono, kaj kovrita per tavolo da pripentrita gipso,ofte kun realisma portreto de la mortinto.
Rimarko: Tiu ĉi difino estas aldonenda al "kartonaĵo" en PIV.

5.-ordalo:
"Ĉu vi intencas torturi ilin aŭ submeti ilin al ordalo por malkovri la ŝteliston?" (pĝ. 31)
Etimologio: mezepoka l. ordalium (=judicium dei) a.ordeal, f. ordalie, g. ordalien.
Difino: primitiva rimedo por ekscii kulpecon aŭ malkovri mensogadon, submetante akuzaton al provo, kelkfoje danĝera aŭ doloriga, kies rezulto estas decidota fare de supernaturaj fortoj.
Rimarko: Detala klarigo pri la funkcio de ordalo troviĝas en mia artikolo "La detektado de mensogoj" (Internacia Jura Revuo, 1/1986,pĝ. 2-23;vd. & 2.3-&2.6), kaj ĝi estas la bazo de la intrigo de mia unuakta teatraĵo "Tagiĝa Ordalo" (Fonto, 1983, nº 37,pĝ. 19-27.

La celo de tiu ĉi detala prezentado de kvin neologismoj estas ilustri la procedon plej konvenan por pravigi la enkondukon de novaj elementoj en la leksikon de Esperanto. Per la citaĵoj mi montris, kiel la novaj vortoj funkcias en vivanta kunteksto ĉi-kaze temas pri beletraj verkoj antaŭ ol ili aperas en listo de neologismoj. La etimologioj certigas la ĝustan formon kaj signifon, kiujn mi donis al la esperantigitaj vortoj. Sekve malestas ĉiuspeca arbitreco kaj kaprico. Fine, la manko de sinonimoj en Esperanto indikas, ke la konceptoj ne povas esti esprimitaj en kontentiga maniero per la ekzistanta vortprovizo de Esperanto. Pro tio nova vorto por ĉiu speciala koncepto estas bezonata.

Bernard Golden

..... ..... .....

Notoj:

(1) Edwin de Kock:Helpopeto pri Neologismoj.Bona Espero. 1987; 1: 12.
(2) Bernard Golden: Neglositaj neologismoj. La Letero de l'Akademio de Esperanto. 1988 januaro; 2:3.Elna Newsletter. 1988; 24 (3): 4-5.
(3) Bernard Golden: "Hieraŭ-Hodiaŭ-Morgaŭ":noveloj. Antverpeno kaj La Laguna: TK Stafeto, 1982.

---

Gekamaradoj: Abonu nian revuon "Kajeroj el la Sudo" por helpi nin solidare sendi ĝin al nepagipovaj E-Grupoj!

# Profiloj de mita Dolores

*La pasintan 13an de Novembro forpasis en Madrido la prezidantino de la Hispana Komunista Partio (K.P.), Dolores Ibárruri, kies pseŭdonimo estas "Pasionaria". Revoluciema, senĉesa luktanto por la libero kaj justeco kaj kontraŭ faŝismo, popola deputito, simbolo de la hispana revolucio de la jaroj 1936-39, ŝi resumas tutan jarcenton de la hispana historio en tiu aktivado. Jen kelkaj linioj pri ŝia vivo:*



*Ŝi naskiĝis la 9an de Decembro 1895 en mineja vilaĝo de la provinco Bizkaia (Vaskio,norde de la Iberia Duoninsulo). Filino de malriĉa familio de ministoj, ŝi ne povis daŭrigi siajn studojn por fariĝi instruistino kaj devis labori kiel kudristino kaj poste kiel servistino. Ŝi edziniĝis en 1916 kun ministo kaj naskis 6 gefilojn, 4 el kiuj mortis je frua aĝo. Ŝi baldaŭ kontaktis la marksismajn ideojn. En 1917 ŝi partoprenis en la laboristaj luktoj, kiuj tiam svarmis tra la tuta lando, precipe en la minejoj. Fine de tiu jaro ŝi aliĝis al la Hispana Socialista Laborpartio. En 1918 ŝi subskribis siajn unuajn artikolojn sub la pseŭdonimo"Pasionaria" (ĉar ili estis verkitaj dum la Sankta Semajno, Semajno de Pasiono, laŭ la kristana religio).En la jaro 1920, jaro de la fondo de la Hispana Komunista Partio,ŝi aliĝis al ĝi kaj estis elektita provinca komitatano de tiu partio.*

*La jaroj 1923 ĝis 1930 estis la periodo de la diktaturo de generalo Primo de Rivera, periodo de persekutoj, strikoj, enkarcerigoj, ktp. Ekde 1931 ŝi apartenis al estraro de la K.P. kaj kunlaboris en ties organo,"Laborista Mondo". Plurfoje ŝi estis enkarcerigita. Aktive ŝi luktis kontraŭ la persekuto kaj perforto al la ministoj de Asturio (norda hispana regiono) fare de generalo Franco. En 1936*

*ŝi estis elektita deputito; ŝi reprezentis Asturion, kaj precipe la ministojn. Dum la hispana milito 1936-39 ŝi luktis kontraŭ la faŝismo, vizitis la batalfrontojn kaj kuraĝigis la soldatojn. Siaj eldiroj"Ili -la faŝistoj- ne transpasos " kaj "Prefere morti stare ol vivi surgenue" iĝis la sloganoj de la Hispana Respubliko kontraŭ la faŝisma malamiko.*

*La 6an de Marto 1939, kelkajn semajnojn antaŭ la finiĝo de la hispana milito, ŝi foriris eksterlanden:ŝi ekziliĝis al Moskvo (Sovetio) dum preskaŭ 40 jaroj. En 1942, en la ekzilejo, ŝi estis elektita Generala Sekretariino de la K.P. Ankaŭ tie, en la ekzilejo, ŝi luktis plue kontraŭ la maljusteco kaj favore al libereco kaj solidareco kun la laboristaro.*

*En 1962 ŝi estis elektita doktoro "honoris causa" de la Moskva Universitato kaj ricevis la internacian "Premion Lenin pri la Paco". Ŝi ricevis ankaŭ la "Ordenon de Lenin".*

*Ŝi revenis al Hispanio en Majo 1977, post la morto de la diktatoro Franco kaj ŝanĝo de la politika reĝimo. En la nova demokrata balotado, la saman jaron, ŝi denove estis elektita deputito de la Parlamento.*

*Kun ŝi mortis unu el la lastaj simboloj de la batalo kontraŭ la faŝismo kaj favora al libereco de l' popolo. Mortis parto de la lasta jarcento de la hispana historio. Multaj laboristoj akompanis ŝin en ŝia lasta promenado. Ŝi ne tute mortis ĉar ŝiaj ideoj restas*

*Manuel López Hernández*

---

# Bonvolu ridi...sed ne tro!

*Tute nature*

*-Jam pli ol unu horon mi atendas la finon de via telefonado kaj kvankam vi havas la aŭdilon ĉe la orelo, ankoraŭ eĉ ne unu vorton vi diris...*
*-Ho, tute nature, mi parolas kun mia edzino!-*

*BONVOLU RIDI...*
*SED NE TRO!*

Pri ebriuloj.-

Ebria homo eniras la familiregistran oficejon de la komunumo kaj ekdiras:-Sinjoroj, bonvolu noti, mia edzino naskis ĝemelojn-
La oficisto: -kial vi diras sinjoroj? Mi sidas sola ĉe la tablo-
La ebriulo: -ho, sinjoro, senkulpigu min, mi kuras hejmen por rigardi, ĉu eble ankaŭ tie ne naskiĝis ĝemeloj -.

...---...

Pri kuracistoj.-

-Aŭskultu, doktoro!: ĉu mi povos ludi gitaron post la resaniĝo?-
-Ho, jes, kompreneble!-
-Kiel mirinde, ĉar antaŭ la malsaniĝo mi tute ne sciis ludi ĝin!-

...___...

Praktika ekzemplo.-

Mia amiko Jozefo posedas malgrandan bienon en la bedaro de rivero Segura, kie kreskas la plej bongustaj figoj el la tuta regiono. En certa okazo, mi malsanis kaj sekve perdis la apetiton. Mia amiko vizitis min kaj povis aŭdi la plendojn de mia edzino pri mia apetito kaj tial promesis sendi al mi la plej bongustajn apetitvekajn figojn el liaj figarboj.

La sekvantan tagon venis ĉe mi lia fileto kunportante unu bonaspektan bonegan figon, kune kun noteto de mia amiko. La noteto diris, ke li sendas al mi tri ekzemplerojn el la plej bonaj figoj. Mirigite, ĉar mi vidis nur unu, demandis de la knabo: -nu, kion vi faris el la aliaj?- La knabo, unu el tiuj nuntempaj viglaj infanoj kapablaj eĉ vidi kreski la herbon, atente aŭskultis mian surprizan demandon, kaj per rapida movo prenis la restantan figon kaj en kelkaj sekundoj formanĝis ĝin.
-Tion mi faris kun la aliaj- respondis kun certa logiko la knabo apenaŭ li povis spiri post ol li englutis la tutan figon.

# Niaj pioniroj: F.Azorin

Arkitekto, urbokonsilanto de Kordovo kaj deputito en la hispana Parlamento kiel reprezentanto de la Socialista partio dum la dua-respublika periodo.

Li proponis en Kongreso de la Socialista partio rezolucion favoran al Esperanto, kies akcepto devigis lin partopreni la SAT-Kongresojn de Goteborg kaj Stutgart kiel delegito de tiu partio.



Azorín Izquierdo, F.

En la SAT-Kongreso okazinta en Valencio en 1934, li prezidis la laborkunsidojn, kion li ankaŭ faris en pluraj hispanaj kongresoj.
Li publikigis multenombrajn artikolojn en "El Socialista" de Madrido, favorajn al Esperanto kaj ankaŭ en aliaj hispanaj ĵurnaloj.
Membro de la Hispana Instituto de Esperanto, li multe strebis kiel publika homo al la oficialigo kaj disvastigo de la lingvo, kaj speciale influis antaŭ la Ministerio pri Edukado por atingi oficialan ĉiujaran subvencion.
Aŭtoro de "Oklingva Vortaro"(1932), "Esperanta Gramatiko por hispanlingvanoj"(Kordovo - 1924),"Terminologio de la Arkitekturo"(1932),triakta dramo"Adamo kaj Eva"(1954),"Universala Terminologio" kaj fine li ankaŭ verkis PIV de Esperanto (unua volumo), sed kun tiaj vortreformoj, ke la Akademio ne akceptis ĝin.

Facilparola preleganto pri Esperanto en laboristaj medioj,li profitis kongresojn kaj renkontiĝojn de esperantistoj por prelegi en la popoldomoj propagandcele.

Francisko Azorin estis ankaŭ Vicprezidanto de Hispana E-Asocio en 1936, dum la hispana milito diplomate reprezentis la Respublikan Registaron en la sudo de Francio,kaj post ĝi ekziliĝis en Meksikio, kie li forpasis en 1975.

Markus.

# Lola Iturbe: Adiaŭ!

Apenaŭ kelkajn tagojn post la morto de "Pasionaria" malĝoje ni eksciis pri la forpaso de alia granda batalantino por la homaj liberoj kaj la laboristinaj rajtoj: Lola Iturbe.

Lola estis unu el tiuj raraj virinoj, kiuj pasie strebis por la emancipiĝo kaj moderniĝo de la virino en nia lando. Naskiĝinta en Barcelono en 1902, ŝi aliĝis al la liberecana sindikato Nacia Laborkonfederacio (CNT), kiam ŝi apenaŭ aĝis dek kvar jarojn. Kun entuziasmo kaj fervoro, ŝi vigle aktivis en la sindikato defendante la sociajn rajtojn de la laboristinoj. En 1934 ŝi fondis la movadon "Liberaj Virinoj" kaj tre efike kontribuis al la organizado de la "Domo de la Laboristino" en Barcelono.

Dum la hispana interfrata milito ŝi rolis kiel korespondantino de la gazeto "Tero kaj Libero" sur la Aragona batalfronto mem. Post la malvenko de la respublikanoj en 1939 ŝi ekziliĝis en Francion, kie brave ŝi batalis kun la franca rezistado kontraŭ la naziismaj okupantoj dum la dua mondmilito.

Krom multnombraj artikoloj, Lola Iturbe verkis libron,"La virino en la socia lukto", eldonitan en Meksikio en 1974.

Ŝi revenis en Hispanion en la jaro 1978 post tuta vivo dediĉita al la nobla tasko de la virinaj liberoj, kaj, jam 88-jara, jus forpasis en Gijón.

Ripozu en paco la granda batalantino!

La Redakcio.

---

INTERNACIA VIDEO-KLUBO.-

Samideano Antonio Sarmiento starigis "Internacian Video-Klubon" kun kelkaj Sekcioj: Generala Kulturo, Lingva, Seksa, Distra,ktp.

Video-laboroj: kopioj en ĉiuj formatoj, transigoj de fotoj, diapozitivoj kaj kinofilmoj.

Skribu al: Esperanto Video-Servo.- c/Espartero, 1.-3º.-13.- 35010- Las Palmas de Gran Canaria.- Hispanio.

# Vualoj,diskriminacioj,koloniigo

Kiam mi lernis Esperanton, ne pli malfrue ol 1937, tre bona amiko mia korespondadis kun k-do Henri Chabriére. Oni vivis en tiuj momentoj ĉe ni (en plena interfrata milito) horojn de vera ekzalto de la demokrataj valoroj, kaj estis granda ĝuo por ni, aúskulti nian amikon legi la ricevitajn leterojn de la franca korespondanto, skribitajn en korekta Esperanto kaj esprimantajn pripolitikajn konceptojn, kiuj fidele difinis lian demokratan sentivecon.



Kvankam mi neniam konis persone kdon Chabriére, mi, ĉiam admiris lin,kaj tenas en mia memoro lian nomon kun granda respekto kaj estimo.

Kio okazis, por ke, malgraú mia admiro al la citita homo, legante hodiaú lian artikoleton"La vualo leviĝas"en la bulteno de SAT-Amikaro mi, ne plu tiel alte taksas lian demokratan sentivecon?. Tute simple, li pritraktas gravan temon socian tre subjektive, eĉ mi dirus, ke iom frivole, ĉar li kaŝas la veran problemon sub la masko de prilaika lernejo kaj fanatikismo, liliputigas granddimensian kulturan agreson al individuoj kaj lanĉas eraran opinion pri ĝi.

Antaú ne longe la afero estis sufiĉe polemika en Francio, kaj komenciĝis, kiam tri lernantinoj arabaj kun islamaj vualoj estis pro tiu motivo forpelitaj el lernejo de la urbo Creil (departemento Oise). Sed tiu ne estas la sola kazo okazinta kaj facile mi povus citi aliajn de simila karaktero.

Konkrete, pri la kazo de la lernantinoj vualitaj, ni diru, ke la afero eksplodis tuj post la menciita forpelo: ĝi brue saltis al la strato, al la ĵurnaloj, al la Parlamento, kaj eĉ la franca ministro pri Edukado mem devis publike deklari por defendi la direktoron de la eduka centro, ĉar, laú li,"Francio ne povas toleri la religian netoleremon", el kies deklaro oni deduktas, ke la ministro povas interpreti laúplaĉe per la ekstera aspekto de la individuo, se iu persono

apartenas aú ne al certa religio, kaj ankaú...ke li, la ministro,sekve de tiu interpreto, povas ne respekti la rajton de la civitanoj sin vesti laú la propra volo kaj konscienco, ĉar, ni metu kiel ekz., kial ne interpreti tiujn vestojn, tiujn vualojn, ne kiel religian signon, sed kiel esprimon pri identeco de la propra popolo?, aú, ĉu eble esprimi la propran elpopolan identecon ankaú atakas la laikismon de la lernejo? La afero ne estas tiel simpla!

Cetere, nia k-do H.Ch. sin demandas:"ĉu estas normale malpermesi, ke islamaj lernantinoj surhavu vualon en laika lernejo?". Kaj tuj, nia k-do disvolvas prileĝan kaj prireligian rezonadon por pravigi la decidon de la direktoro, la opinion de la ministro kaj la sian propran, kaj tiu ekspliko apenaú supraĵe tuŝas la problemon kaj absolute neniom ĝian kernon.

Laú mia modesta opinio, la arabaj lernantinoj havas saman leĝan rajton sin vesti vualitaj, kiel tiuj fraúlinoj, kiuj sin prezentas nun publike, laú la lasta modo, montrantaj unu mamon. Temas ja pri ekstera aspekto de la individuoj, kaj ambaú rajtas tiun diferencon. Reagi elvokante etikajn konsiderojn montras absolutan hipokritecon. Prave, multnombraj lernantinoj, filinoj de enmigrintoj, sin prezentis en siaj respektivaj lernejoj kelkajn tagojn post la polemika forpelo, vestitaj per naciaj kostumoj, kiel protesto, kaj kiel solidara elmontro al la kompaninoj, kaj precipe ankaú kiel esprimo de la propra identeco. Estis vera leciono: ĉiam la popolo, eĉ en la plej malfacilaj cirkonstancoj kaj problemoj, per spontana reago montris sin pli saĝa, pli akute trafa ol politikistoj, ĵurnalistoj, sociologoj, aú ne gravas kiu ajn specialisto. Ankaú en tiu ĉi kazo!

Nia k-do H.Ch. substrekas,"ke religio ne havas lokon en publika lernejo", kaj efektive pri tio li pravas, sed, evidente,tiu ideo neniom rilatas al la uzo de unu aú alia vesto aú vualo, ĉar ĝi neniel implicas ŝanĝon pri la laikeco de la lernejo. La laikeco de la Centroj devas sin esprimi per la enhavo de la instruado, per la fideleco al la doktrinoj, kiuj garantias striktan prireligian neútralecon kaj, en tiklaj kazoj, per la uzo de raciaj kaj demokrataj decidoj, kiuj ne iru kontraú la homaj rajtoj de la individuoj.

La direktoro de la Centro forpelis la arabajn lernantinojn, ĉar, laú li, la knabinoj montris per la surmetitaj vualoj aparteni al iu religio, kio iras "kontraú la laikeco de la lernejo" sed eĉ se oni akceptas tiun tezon same li ne pravas, ĉar, kial li ne forpelis

antaŭ longe, ni metu kiel ekz. tiujn francajn lernantinojn, kiuj malkaŝe montras krucokolĉenojn?. Evidente, tio neniam okazis, sed, se temas pri arabaj knabinoj, la afero ŝanĝiĝas, ĉu ne?

La aŭtenta vero de tiu ĉi historio kuŝas, en la preskaŭ nula ebleco de la franca socio por prezenti adekvatan varian programon edukoinstruan al la gefiloj de enmigrintoj, ne gravas al kiu ajn kulturo ili apartenas. Gis nun, ĝi, la franca socio, standardoportanto de tiom da liberoj, nur sciis prezenti kiel edukosistemon unu solan solvon: la sian, kaj kiel simpligon, la integriĝon. En la penso, ke ĝi, la laika lernejo, estis la plej bona, ĝi postulis, eĉ se necese perforte, submetiĝon, sen distingi ion alian. Fakte, tio signifas koloniigon al kiuj nur estas simplaj gastoj. Kultura koloniigo pli abomena ol tiuj de teritorioj, ĉar ĝi koncernas al la spiritoj...

Kamaradoj, francaj amikoj, liberpensuloj el la tuta mondo, ni jam alproksimiĝas al la komenco de la tria jarcento, kaj tiranoj kiel tiuj de la Orient-Eŭropaj kaj Sud-Amerikaj landoj, fanatikuloj kiel Jomeini, murdistoj kiel "la nordamerika ĝendarmo" kaj certaj radikaluloj el minoritatoj iom post iom malaperas de la terglobo aŭ estas identigitaj kun la veraj malamikoj de la homaro, sed tio ne sufiĉas.

La malapero de landlimoj, la intergenta interkompreniĝo per Esperanto, la natura evoluo en konstanta progreso postulas tutplanedan kulturon, superan civilizacion, sen distingo de patrioj, rasoj, vualoj, krucoj kaj aliaj diskriminaciaj elementoj. Nia defio jenas: superi nin en la konstruo de demokrata socio tutmonda, unika kaj varia, pli justa kaj paca, ĉar jam alvenas la momento, kiam "la homoj devas fari en konsento unu grandan rondon familian"...

...sen vualoj, koloniigoj kaj diskriminacioj.

Antonio Marco Botella

---

# Deziras korespondadi...

25-lernantoj en Lernejo por Instruistoj dez. kor. kun instruistoj el diversaj landoj. Ilia profesorino interŝanĝas revuojn.Bonv.skribi al: Teresa Jankowska ul IWICKA 40 m18 PL-735-Warszawa. Pollando.

# Inaúguro de monumento Zamenhof



-Oficiala podio.

La 17an de Decembro okazis en Sabadell, grava kataluna urbo, la solena inaúguro de monumento honore al D-ro Zamenhof. Partoprenis la feston, kun la lokaj geesperantistoj, multaj aliaj venintaj el urboj proksimaj al Sabadell kaj ankaú certa nombro el ili venintaj aútobuse el Zaragozo.

La monumento, moderna, solida kaj impona, konsistas el kvar kolonoj el speciala metalo neoksidebla nomata "coorten", simbolantaj la kvar ĉefpunktojn. Meze de la plej alta, dekunu-metra kolono, troviĝas la Esperanta stelo, kies diametro estas unu-metra, kaj ĉe la malsupra parto de la monumento kaj fiksita reliefe, la figuro de D-ro L.L.Zamenhof kun omaĝa teksto al la iniciatinto de la lingvo internacia Esperanto. Ĝia kosto preterpasas la respektindan sumon de sep milionoj da pesetoj.

Donis internacian karakteron al la ceremonio Dro Ulrich Lins,Vicprezidanto de UEA, kiu efektive solenigis la feston kune kun la unuarangaj aútoritatuloj de la urbo. Reprezentis SAT k-do Ramón Manau, peranto de nia Asocio en Hispanio kaj ankaú Vicprezidanto de la "Urbana Komisiono por la starigo de la monumento", sub kies zorgo

malvolviĝis grandparte la ceremonio, ĉar estis ĝuste li la *tradukanto de la publikaj paroladoj* de la Urbestro, de la Prezidanto kaj de la Sekretario de la Urbana Komisiono kaj de nia kolego D-ro Ulrich Lins.

La inaŭguro-festo komenciĝis la indikitan tagon, frumatene, en la bulvardo Zamenhof (nomo ricevita en la jaro 1912 kaj malaperinta nur dum la regado de la diktatoro Franco) kaj malfermiĝis per regalo al ĉeestantaj infanoj de bongusta diluita ĉokolado. Tuj poste okazis konkurso *pri desegnaĵoj por infanoj ĝis* dek-jaraj pri la temo "la monumento". Muzikista grupo "Kordoj"de Mataró ludis koncerton el tute modernaj melodioj.

Proksimume je la 12a horo, la Urbestra Moŝto, Antoni Farrés, la Prezidanto de la U.K.,S-ro Soler,Sekretario de sama Komisiono S-ro Galofré, Prezidanto de KAE, S-ro Manau;D-ro Lins kaj aliaj gravuloj inaŭguris oficiale la monumenton per interesaj paroladoj. D-ro Lins, en sia pri-Esperanta parolado emfazis la favoran influon, kiun por nia Movado jam havas la liberiga perestrojka proceso ĉi-momente travivata de la Orient-Eŭropaj landoj, kaj finis sian elokventan paroladon esprimante sian konvinkon pri la granda rolo de Esperanto en la unuiĝo de nova Eŭropo nun naskiĝanta.

Muzikista ensemblo ludis la esperantistan himnon "La Espero" kaj tuj post la ceremonio ĝi ludis ankaŭ folkloran muzikon *por* tiuj,kiuj *deziris* danci laŭ ritmo de "sardanoj"(tipa kataluna danco).

Post la menciita oficiala inaŭguro preskaŭ 200 ge-esperantistoj sin direktis al hotelo "Urpi", kie okazis amikeca kunmanĝado. En la kutima momento de la paroladoj oni prezentis la ĵus eldonitan libron"Esperanto en prospektivo",verkitan de nia k-do Giordano Moya, kiu, faris komentarion pri ĝi. Same alparolis la kunvenintojn la Prezidanto de Barcelona E-Centro,S-ro Aragay, kaj la Prezidantino de la OKK de la venonta 50a HEF-Kongreso, k-ino García-Cobacho.En la nomo de HALE kaj de HEF salutis k-do A.Marco Botella.
Gratulon kaj dankon al niaj samideanoj de Sabadell pro la monumento kaj la memorinda festotago.

La Redakcio.

# El aktuala Liriko



AMTEMO.-

Tiele: side, strande,
glutante la krepuskon en lontano
per bovlo kun mil ŝaúmoj,
transpasi vin per amo, mia amo.

Jen sablo, ŝaloj
arĝentaj sur mar-haúto infinita.
Jen kisoj, amo,
por am'kun mi eterne kunfandita.
Sed bojas hund'
en la profund'
de l' stranda grund',
fuĝas vi kun la brizo,
svenas la paradizo,
restas mi kaj la mar',
la horoj pluvas gutojn de amar'.

Tiele: kuŝe, kvere,
el niaj nudoj plekti ĝuo-skuon,
la lipojn sensi suplaj,
transporti nin per am' en la vakuon,
postlasi tempon
gravedan je kadavroj kaj mort-landoj,
la ŝosojn sperti
de flor-sezon' senfina sub la plandoj.

Sed la duel'
en hund-infer'
-daúra sufer'-
iĝis prema koŝmaro
for de vi, ĉe la maro.

Nun mi revas en flam'
transpasi vin per amo, mia am'.

Miguel Fernández Martin

..-..

# Konsideroj pri la nova fikcio

*Laŭlonge de la pasintaj jarcentoj la socia ordo montriĝis senmova. Temis pri statika sistemo de rilatoj inter povo kaj popolo. Hodiaŭ tamen la situacio ŝanĝigis kaj la distancoj ne estas tiel absolutaj kiel en la tempoj de la stabila ordo. La homoj troviĝas multe pli proksime unuj de la aliaj dank',ekzemple, al la amaskomunikiloj. Sentoj kiaj homaranismo aŭ egaleco preskaŭ ĵus vekiĝis, celantaj la transformon de niaj rilatoj.*



*Se krome paroli pri la sociaj valoroj, tio, kio estis grava kaj signifoplena en la hieraŭo,ĉesis esti tia kaj inverse. Kiel do povis tio influi la artan kreivecon?.La fakto, ke de la komenco de la nuna jarcento, la artisto komencis esti konscia, ke la realo ne plu estas stabila, produktas grandan konvulsion en la maniero koncepti la rilatojn inter la ekstera mondo, kaj la arta produktaĵo. Konceptoj kiaj "arto pro/por arto", emfazo sur formo kaj ne sur enhavo, rezigno aŭ forlaso de la socia uzo de la arto kaj memserĉado far la artisto, disvolviĝas iom post iom celante la rekonceptiĝon de la arta kreiveco.*

*Kvankam la etikedo "avangardismo" signas tre vastan fenomenon, kies eroj ofte malsimilas inter si,oni povas serĉi ĝian akuŝon en tiu nova spirito, relativa kaj pluralisma. Kiam la verkistoj ekkonstatis, ke la realo ĉesis esti monolita, solida kaj sekura, ili eĉ kuraĝis diri: la realo ne plu ekzistas. Oni do ne verku por aŭ pri ĝi. Kiu estu do la materio, el kiu nutriĝu la arto? La respondo ŝprucis klare: la arto mem. Sekve la arto signis sian propran mondon, sia propran "limbon", se tiel nomi, kien la artisto aliru por ĉerpi "realon", kadron kaj erojn por sia produktaĵo. Ni povus nun precizigi, ke, malkiel ni supre vortigis, ne temas ĝuste pri*

*"forlaso de enhavo", sed pri la fiksado de nova dualeco ene de la arta kampo mem.*

*Se konkrete plie paroli pri Literaturo, kies limbon oni, ĉiam pli ofte, teknike nomas "fikcio", ekzistas precipe du konceptoj, kiuj vekas nian atenton pri ĉi tiu mondo, kiu forlasis absolutecon. Unue, la tempo, kiu ne plu estas sinsekva serio de disigitaj punktoj, sed kontinua fluo.*

*Kronologio lasis vojon al libera moviĝo tra la tempo, same kiel la homa menso perceptas ĝin. Due, la rilato inter aŭtoro kaj roluloj, kaj aŭtoro kaj fikcia objekto, spertas gravajn ŝanĝojn, ĉar ne plu ekzistas "superkonscio" kaj regado de ĉio far la aŭtoro. Estas do ĝuste la plureco de konscioj, kio portos nin en pli objektivan analizon, ne la scienca priskribo de la cirkonstancoj far la aŭtoro. Ĉe la remodlado de la naturo kaj funkcio de la fikcio, aperas laste plej grava konsekvenco: ĝi ĉesas esti publika instrumento, ĝi ĉesas havi socian uzon, kaj tio rekte frakasas la precepton de Horacio, pli poste malvolvitan de la marksistoj. Tiu sinteno, kontraŭstara al la interesoj de la ŝtato, lokis niajn artistojn en ne tro agrabla situo. Tradiciemo do devis plui je la servo de certaj interesoj, kaj kunvivis, kiel en nia hodiaŭo, kun renoviĝemo. Ĉiu okupas sian lokon kaj desegnas tre interesan panoramon, kiun pro ĝia vasteco, oni povus tuŝi onte pli detale.*

*Alberto Franco.*

---

# La Movado en kaj ekster Iberio

Barcelono.- La venontan Generalan Asembleon de HALE oni okazigos Julie 1990 en la urbeto Sant Cugat del Vallés. La Prezidantino de la O.K.K. petas al ĉiuj gejunuloj partoprenontaj la E-Kongreson, ke ili laŭeble kunportu dormosakon, ĉar oni rezervis por ĉiuj gejunuloj grandan salonon, kie adekvate povas dormi proksimume 40 personoj.

Kiuj kunportos kamparan tendon, tiuj povos agrable kampadi meze de bela pinaro. Por tiuj, kiuj kunportos

dormosakon, la prezo de restado (dormo) kun nura tagmanĝo kostas entute 1200 pesetojn tage. Nura kampado en la pinaro, sen manĝado, kostas nur 500 ptojn tage por unu persono.

En la Restadejo bedaúrinde restas nur liberaj 90 loĝlokoj anstataú 150 promesitaj. Pro tio ni invitas la gejunulojn utiligi la dormosakon aú simplan kampadon en la pinaro. Cetere oni povas anticipe mendi manĝon al la Loka Kongreskomitato, minimume 24 horojn antaúe.

Santiago de Compostela.- La Universitato de Santiago aperigis publikan konkurson por oficiala Esperanta posteno en la Instituto pri Lingvoj de la Universitato. Preskaú certe gajnos ĝin S-ro Antonio Alonso Núñez, nuna Prezidanto de H.E.F.

Budapeŝto.- Post longaj preparlaboroj, la Esperanto-fako de la Budapeŝta Universitato Eötvös ĝoje raportas, ke ĝi rajtas oferti internacian korespondan interlingvistikan kurson entute en Esperanto. Se estos sufiĉe da aliĝintoj, ĝi komenciĝos en Septembro 1990. La 3-jara kursaro kondukos al ŝtate rekonata diplomo. Cetere, la nombro de la tagaj gestudentoj finis siajn 3-jarajn postdiplomajn studojn en la enlanda koresponda fako kaj ekde Septembro dek novaj ekstudis tie. Aliĝoj: Eötvös Universitato.Rektori Hivatal Oktatási Osztálya.Budapest. Szerb. u. 21-23 I/28.H-1053-Hungario.

---

# Administra angulo.

Ni atentigas niajn abonantojn, ke kun la sendo de tiu ĉi numero komenciĝas la abono 1990, kaj estas ĝusta momento por pagi, ĉu la nunjaran aú la pasintjaran (tiuj, kiuj ne pagis ĝin ankoraú). Ni kvitancas jenajn pagojn:

| | | |
|---|---|---|
| Carme Llapart (Girona)-89.......... | 1.000,- | Ptoj. |
| Familio Ternant (Francio)..... | 10.000,- | " |
| Carme Llapart (Girona)-90..... | 1.000,- | " |
| Trinitat Garcia Cobacho(don.) | 1.000,- | " |
| Sumas entute | 13.000,- | " |

# Recenzo

"KOMPLEMENTA VOLUMO" (Analiza skolo) de Luis Mimó Espinalt.

Verko eldonita de Esperanto-Centro en Paderborn (Germanio) Formato 21 x 15,5.163-paĝa verko. Prezo 1000 Ptoj. Mendu ĝin ĉe Libro-Servo de HEF,aú ĉe"Libreria Serrano",c/Font Nova, 32. E-08202-SABADELL.(Barcelona) Hispanio.

Jen libro enhavanta novajn, kompletigajn notojn pri la verboj kaj aliaj partoj de la Esperanta Gramatiko, krom ĝisfundaj studoj kaj reguloj pri la komparacio kaj pri la refleksivo, kiujn ĝia aútoro, la karmemora esperanto-kolego Luis Mimó, aútoritate prezentas al la esperantistaro.

Tiu verko, frukto de lia pli ol 25-jara sistema esplorado kaj kontrolado, fontis el elementa koncepto, ke la sintakso de arta lingvo, kvankam kreita aposteriore el naturaj alilingvaj elementoj, devas esti, laú vortoj de Zamenhof,matematike preciza, kun fiksaj, simplaj kaj senesceptaj reguloj, kio per si mem implicas nenian rigidecon, kaj ĝi fariĝis ebla pro la konstato, milfoje kontrolita, ke en la lingvo Esperanto, fundamentita sur 16 tre elementaj reguloj, troviĝas ĉiam imanentaj la mankantaj tute precizaj detalaj reguloj, kaj ke ilin ĉiuokaze povas senvualigi la gramatika logiko kaj la leĝo de analogio, pro kiu ne estas aplikebla tio, kio ne estas aplikebla.

La "Komplementa Volumo", same kiel tiu eldonita de la sama aútoro, nome la "Kompleta Lernolibro de Regula Esperanto", estas valora verko destinita al la studemaj esperantistoj, kiuj deziras akiri ĝisfundan konon de la Zamenhofa lingvo.

Ambaú libroj devas ne manki en biblioteko de Esperanto-progresinto.

VELUS

---

SOLIDARE, ABONU NIAN REVUON "KAJEROJ EL LA SUDO!!

.......---......

